5a Jaro 1907-08 N° 46 MARTO

# Espero Katolika

*REVUO MONATA EN ESPERANTO*

(Honorata per Apostola Beno de Pio X-a, 27-an de Junio 1906)

**RELIGIO. — FILOZOFIO. — HISTORIO. — SOCIOLOGIO**
**LITERATURO. — ARTO**
**REVUO DE REVUOJ. — BIBLIOGRAFIO. — 'SAKOJ**

« Unum ovile et unus pastor.» (Joh. X, 16,) « Unu ŝafaro kaj unu paŝtanto.»

## ARTIKOLARO



## REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO

Ce la Direktoro : **P-o Em. PELTIER**
**Sainte-Radegonde** (Indre-et-Loire) **France**

*Manuskriptoj neniam estos resendataj.*
*Manuskriptoj kaj leteroj pri E. K. estu sendataj nur al la Direktoro.*

**Por la** francaj **poŝtmandatoj la Poŝtoficejo estas** sainte-radegonde **; por la** nefrancaj **la poŝtoficejo estas** tours.

'Ciuj verkistoj estas persone respondaj pri siaj artikoloj. La Revuo estas responda nur pri artikoloj subskribitaj de la Direktoro. — E. K. estas malfermata por ĉiuj personoj kaj por ĉiuj demandoj (escepte la politikaj).

## ABONEJOJ DE E. K.

FRANCLANDO 'Ce la Direktoro de E. K. — 'Ce la Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, *Paris-V.* — 'Ce librejo Warnier kaj Ko, 15, rue Montmartre, *Paris.*
ANGLOLANDO British Esperanto Association, 13, Arundel Street, Strand, *London, W. C.*
BOHEMUJO-AUSTRIO : F. Topič, libr. Ferdinandova, 9. *Praha.*
CILILANDO ; S-o Luis E. Sepulveda Cuadra, Casilla 1679, *Santiago-Chili.*
GERMANLANDO : Moller & Borel, 96, Prinzenstr., *Berlin.*
HISPANLANDO : S-o A. Jimenez-Loira, Paterna, *Valencia.*
HOLANDUJO : S-o H. B. van ZWET, Heerenweg, 51 bis, *Utrecht.*
HUNGARLANDO : S-o Endra Varju IV, Kigyo. U, 62. em. 14, *Budapesto.*
ITALLANDO : S-o Jakobo Bianchini, *Fontanafredda de Pordenone* (Udine).
LITOVUJO : P-o A. Dombrowski, en *Kovno*, Rusujo.
NOVA ZELANDO : S-o A. J. Burges, libr. Devon Street, *New Plymouth* (New Zealand).
POLUJO Arct. libr. Nowy Swiat, 53, *Warszawia.*
PORTUGALUJO D-o Malato, 37, Clerigos, *Portalegre.*
RUSLANDO Societo Espero, Bol. Podjacesskaja. 24, log. 19. *S. Peterburgo.*
SVISLANDO : Librejo Garin, 20, rue Corraterie, *Geneve.*

## KONDIĈOJ DE ABONO

*Abono jara* 5 fr. (2 Sm.). — En Francl. 4 fr. (1 Sm. 60).
*Unu numero* : 0 fr. 50, afrankite, (20 Sd.)

Abonoj estas akceptataj nur por tuta jaro. Komencaj datoj oktobro, januaro aŭ marto. La Revuo ne aperas en aŭgusto nek en septembro. Poŝt-kuponoj internaciaj estas akceptataj.

*ATENTU! Sur la koverto de l' unua numero post la fino de l' abono estos stampata :*Via abono finiĝis kun la lasta n-o.

ANONCOJ. — Ni ricevas grandajn anoncojn nur por UNU JARO (10 n-oj). Tuta paĝo kostos 100 frankojn; — 2-on-paĝo 50 fr.; — 4-on-paĝo : 25 fr.; — 8-on-paĝo : 15 fr.; — 16-on-paĝo : 8 fr. — *Por anonci en E. K., sin turni al S-o G. Warnier, 15, rue Montmartre, aŭ al la Direktoro de E. K.*

*Ĉiu abonanto havas rajton por 5-linia anonceto dum tuta jaro de l' abono.*

---

## JARLIBRO DE KATOLIK-ESPERANTISTAJ SOCIETOJ

La gazetoj, la komercistoj, industriistoj, ĉiuj Esperantistoj, kiuj deziras *anoncon* en nia Jarlibro — laŭ la nova tarifo de E. K. : tuta paĝo. 100 fr.; 2-on-paĝo, 50 fr.; 4-on-p., 25 fr.; 8-on-p., 15 fr.; 16-on-p., 8 fr. — estas petataj sendi la tekston kaj monon *antaŭ la 15-a de marto*.

*La gazetoj estas petataj represi tiun avizon.*

ANIĜILO AL ABELO ESPERANTISTA

Nomo ;

Adreso

Teksto de 5-linia senpaga anonceto

**Sola kondiĉo** *Antaŭa pago de l' abono.*

# ANONCETOJ

*5 linioj senpage por abonantoj dum tuta jaro de l' abono. — Oni devos pagi 10 centimojn por ĉiu vorto post 5 linioj, aŭ mallongigi l' anonceton.*

— KOMERCO —

*Vinoj* ruĝaj,blankaj,junaj k. maljunaj nepre naturaj, bonegaj, altgradaj (11° almenaŭ), senditaj senpere de bienuloj el Roussillon.Skribu al parokestro Andreu, en Fourques (P.-Or.),France.Petu prez. 8

*Esperantaj romancoj* tre bone presitaj, verkitaj de S-o Louis Rigoir, 26, rue du Progrès, Marseille, Franc.*En songo*,parol.de Do Zamenhof : 0 fr. 75. *Kristnasko*, par. de Do Philippett : 1 fr. 50. *Kanto de l' Diabolo*,parol.de Aymonnier,1,50. 6-5

*Presmaŝinoj* kaj materialo por presejoj. Instalo de presejoj : tre rapidaj presmaŝinoj presantaj unu flankon de l'papero ; brak-presiloj; tranĉo-maŝinoj por papero, kc. — A.Dubuc. mekanikisto-konstruisto, 15-17, rue Saint-Romain, Paris,Telefono 706-45. 11-5

*Stradivarius*, violono de 1690,vendebla ĉe Monakinoj,Casa di Ritiro, Zitelle Udine, Ital. 7-5

— KOLEKTISTOJ —

*S-o Derroite*, 108, avenue Victor-Hugo, Paris. Kolektas poŝtkart. de religiaj pentraĵoj, sed nur : 1-e per paketo po 12 aŭ 24: 2-e post anonco k. akcepto de l'nombro k. prezo; 3-e el muzeoj de l' urboj de l'sendantoj; 4-e pri vivo publika de J.-K. 1-5

*F-no Barbin*, Le Lion-d'Angers (M.-et-L.). Serĉadas, interŝanĝas, aĉetas antikvajn paperojn, leterojn de 17,18,19-aj jarcentoj. Kolektadas ankaŭ famajn aŭtografojn precipe de muzikverkistoj. 2-5

*S-o Al. Wagner*, Stanislau, 2,Aŭstrujo, s.k.1.36,deziras interŝanĝi uzitajn poŝtmark. nur kun komencantaj gefilatelistoj laŭ senf. 1908. Sendu anticipatajn kondiĉojn. 12-5

*Frato Mucien Louis*, prof., rue du Collège,136,Verviers,Belg. estus tre feliĉa ricevi de afablaj samideanoj : divers. propagandilojn, malnovajn revu-numerojn k. ĉiuspecajn aĵojn rilatajn al Esperanta disvastiĝo. 15

*S-o Varju Endre*, Budapest, IV, Kygio, C-E 62, em, 14, kolektas kaj interŝanĝas uzitajn poŝtm. 17

— KORESPONDADO —

*Marco Lliro*, Escoles Pies, Sabadell, España. Katolika pastro,interŝanĝ. leterojn kun lertaj katol. literaturistoj ĉiulandaj pri respektiva nacia literatura historio. 5-5

*So Lud. Koller*, stud. teolog. St-Polten, Autriche, korespondas kun gealilandaloj ekster Franc- k. Germanlando. 14-6

*So Marcel Génermont*,11, place de la Gare, Moulins (Alliers), deziras korespondadi per ilustrit.poŝtkart, kun nefrancaj esperantistoj. 13-6

— SERVISTOJ —

*Servisto* el plej bona gesinjordomo serĉas situacion en Franc- aŭ Italilando. Facilaj kondiĉoj. Plezure respondos al katol. pri Dresden k.Saksujo. Adreso : Th. Ulm, Kastelo de Wechselburg, Saxe, Germanl. 4

— INSTRUO —

*Stenografio*. Sistemo por franca lingvo, aprobita de E.Duployé, 2 fr. Sin turni al aŭtoro P. Bavay, Le Havre (S.-I.).S-o Bavay volonte sendos senpage sian sistemon al ĉiu Esp. kiu sendos al li verkon Esperant. pri stenografio. 9-5

*Amuzanta !* — Cours méthodique d'Esperanto, legu E. K. n-o 41, okt. 1907, p. 29 ; afrankite : 0,50. P-o Servais, Failon, Havelange, Belg.; tiu pastro kat. en bela kaj sana kamparo kun monteto,domo dekĉambra, petas *studenton* dezirantan lecionojn pri lingvoj aŭ aliaj studoj. 10-5

*S-o J.Mistler*, direktoro de la duagrada lernejo en St-Claude (Jura). Komercist-kurso.Instruado pri modern. lingv: Angla,Germana,Esper. Ital. Kursoj dum libertempo en aŭg. k. sept. Petu prospektojn. 3-5

— DIVERSAJ —

*Aĉetantoj !* Atentu pri la maljustaĵoj, kiujn suferas mult. laboristoj. Favoru per viaj aĉetoj la firmojn, kiuj respektas principojn de justeco por siaj salajratoj. Aniĝu al *Sociala Ligo de Aĉetantoj*, aŭ fondu tian ligon,se ne ekzistas unu en via land. Petu inform.de Fno Magnier,18,rue de l'Enseignement-Mutuel, Boulogne-s-Mer (P.-de-C.), Franc. 16

5ª Jaro 1907-08 Nº 46 MARTO

# ESPERO KATOLIKA

*HONORATA PER APOSTOLA BENO DE PIO X-a*

*la 27-an de junio 1906*

## LA LANDO DE MIRAKLOJ

### Antaŭparolo (1).

Kiam mi pilgrimis al Lourdes, fine de septembro 1907, mi promesis al la Sankta Virgulino, kiel atesto de dankeco pro mia resaniĝo, la publikigon de kelkaj miraklaj faktoj okazintaj en Lourdes.







D-o Boissaries, la estro de Konstata Medicina Oficejo, afable permesis, ke mi traduku en Esperanto kelkajn ĉapitrojn de l' bela verko, kiun li lasttempe verkis kaj dediĉis al la gloro de la Dipatrino, okaze de l' Aparacioj de la Senmakula Virgulino.

La eldonisto, S-o Téqui, ankaŭ tre volonte permesis la tradukon. Mi do hodiaŭ plenumas mian promeson. Mi estas certa ke la Esperantistoj, katolikaj aŭ ne, legos tiun libreton kun plej granda intereso, ĉar en ĝi estas

1. Tiu *Antaŭparolo* estas verkita por la libreto, kiu aperos fine de februaro. — La desegnaĵoj prezentas la du flankojn de l'belega medalo speciale kreita por la 50-a dat-reveno de l'Aparicioj de Lourdes. Oni povas peti de ni tiun medalon.

pritraktata unu el la plej gravaj problemoj religiaj la demando pri mirakloj.

La plej libere pensantaj homoj; la plej kritikemaj: tiuj, kiuj praktikas liberan ekzamenon; tiuj ankaŭ, kiuj estas senkreduloj, devas legi tiun libron, ĉar ĝi alportas *faktojn*, kaj neniu homo povas rifuzi la lojalan diskutadon de faktoj.

Ni tre deziras, ke multaj el la legantoj de tiu verketo trovu en ĝi « *la Lumon, kiu brilas por ĉiu homo en la mondo* », la Lumon, kiu lumigos por ili la vojon al la Vera Religio, al la Fido Katolika. Helpu kaj preĝu por tio la Sanktega Patrino de Dio, kiu estas ankaŭ Patrino de l' tuta homidaro.

Em. Peltier.

8-an de dec. 1907. Direktoro de *Espero Katolika*.

## LEGINDA LETERO DE SIENKIEWICZ

Sinjoro !

La XX-a jarcento vidas la efektiviĝon de fakto tute ne aŭdita, insulto al la civilizeco, al juro, al justeco kaj al ĉiuj konceptoj humanaj, kiuj estas fundamento de la vivo kaj de la kulturo intelekta de l' moderna societo.

De longa tempo jam ekzistis en Polujo germana delegitaro registara por koloniigo, celanta la elaĉeton de l' fundoj de la Poloj por transdoni ilin al Germanoj — pagante tiujn propraĵojn per monsumoj al kiuj necese kontribuciis per impostoj la Poloj mem. Se ni aldonas eĉ la turmentadon de la Polaj knaboj en la germanaj lernejoj kaj la nuna leĝoprojekto, kiu malpermesas la uzon de la Pola lingvo en la publikaj kunvenoj, ŝajnas neeble ke la maljusteco kaj la malŝato de la egaleco antaŭ la leĝo povu esti puŝataj pli antaŭen. Kaj tamen la registaro, nome de la principo « forto kontraŭ juro », ne volis tie halti.

Fakte mi prezentis al la Prusa Dieto leĝoprojekton pri la malproprigo perforta de l' bienoj de la Poloj, kiuj simple nun estus forpelataj de tiu ĉi lando, kiu estas ilia patrujo, la amata tero kie, de jarcentoj, longaj generacioj naskiĝis, vivis, entombiĝis.

La parto de Polujo, kiun proprigis al si la monarkio de Hohenzollern, neniam ekbruligis la revoluciajn flamojn ; ĝi vivas pace, ekzercas zorge la penigajn devojn, kiujn al ĝi trudas la okazintaĵoj, pagas la impostojn kaj provizas militajn kontingentojn, de kiuj pli ol unu fojon Bismark mem admiris la bravecon. Pro tio, kiam la unuaj sciigoj pri tiu malproprigo perforta aperis en la Eŭropa gazetaro, oni ĉie juĝis tian projekton kiel sovaĝa kaj kiel provo de la elukubracioj de kelka fanatikulo ne nur sen morala sento sed ankaŭ sen saĝeco.

Ni iluziiĝis, ke Ŝtato civila, kiu rekonus la juron de propreco kiel ŝton-angulo de la konstruaĵo sociala, neniam estus alirinta ĝis piedfrapi per tiom da malhumaneco la principon mem kaj la plej elementan koncepton de la justeco. Neniu kredis ebla tian krimon en societo, kiu sin diras kristana. Nu : la kanceliero Bulow nun prezentis al la Dieto leĝoprojekton pri la perforta forpelo de la Poloj kaj la Dieto anstataŭ ol sendi la kancelieron studi la juron kaj moralon, sendis la projekton al Delegitaro. La sciigo oficiala de tiu ĉi okazintaĵo jam disflugis tra la tuta mondo kaj por la honoro de la homaro, oni devas konstati ke ĉie ĝi kaŭzis kriojn unuvoĉajn de protesto kaj de indigno.

La Eŭropa gazetaro senescepte, el ĉiuj koloroj kaj partioj, kaj la sendependa germana gazetaro kondamnis la agon de la Prusa registaro kiel hontega atenco al juroj naturaj de la homaro.

Ni, Poloj, deziras ke tiu ĉi protesto kontraŭ la barbareco daŭru kiel eble plej longatempe kaj ke ĝi estu disvastigata plej larĝe. Estas pro tio ke ni ne kredas sufiĉaj la dezirojn de la gazetaro, kiu estas devigata ĉiutage sin okupi pri nova fakto. Tiu ĉi protesto gajnos daŭron kaj

samtempe grandegan aŭtoritaton nur se en la tuta mondo la reprezentantoj plej eminentaj de la inteligento scienca, literatura kaj arta esprimos individue sian opinion. Estos juĝo decidiga de la konscienco universala pri krimo sen antaŭaĵoj, kaj estos ankaŭ la alparolo pli efika por la defendo de grava parto de nacio civilizita, kiu bonmeritis humanecon.

Oni ne intencas tie ĉi enmiksiĝi en la aferoj internaj de la monarkio de Hohenzollern ; oni traktas kvestionon pri kiu rajtas paroli ĉiuj homoj civilizitaj kaj precipe tiuj, kiuj en la nacioj formas la bazon de la civilizeco kaj de la kulturo:

·Tiakaŭze ni turnas nin al vi, Sinjoro, vin petante esprimi vian opinion pri la projekto de la Prusa registaro, projekto kiu celas forpeli la Polojn perforte. Ni ne dubas ian momenton, ke via opinio ne estos indignoplena kaj malaproba.

Publika riproĉo veninta el homo eminenta estos solena kondamno de la plej granda maljusteco kaj malhonoro en la historio de la dudeka jarcento.

Via respondo plenigos de fervoro kaj espero la Polan nacion kaj samtempe povos esti kuraĝigo por ĉiuj Germanoj honestaj, kiuj, ne volante vidi ilian patrujon senhonoriĝi antaŭ la tuta mondo, kontraŭbatalas fervore la malamindan projekton de la Prusa registaro.

HENRIKO SIENKIEWICZ.

Tradukis P-o J. MEAZZINI.

---

# EVOLUCIO DE RELIGIA IDEO

*Sekvo* (1)

*Respondo al D-o Vallienne.*

Pri la vorto « Kredo » laŭ vi, ĝi ne povas kuniĝi kun la vorto « vero » aŭ pli precize kun la vorto « certeco »,

1. Vidu E. K. N-o 45.

ĉar kiam oni kredas, oni ne estas certa; kiam oni bone konstatis veron, oni ne kredas plu, oni estas certa. Do kredo kaj certeco ne povas kuniĝi. Jen via argumentaĵo, vi diras nenion plie; sed evidente por kredi vin. ĉiu sentos plej bone ke oni bezonas aŭdi pruvojn.

Mi pruvos kaj mi alportos pruvojn, sed kontraŭ vi, ĉar vi faras veran konfuzon parolante pri certeco, vi parolas senkonscie pri evidenteco; kaj se vi konsentas anstataŭi « certeco », per « evidenteco » en viaj frazoj, mi konsentos plene kun vi kaj miaj pruvoj ĵus venontaj fortigos la esprimon de mia penso.

Evidenteco kaj certeco estas aĵoj tute diferencaj kiu havas evidentecon, havas certecon; sed ĉiu, kiu havas certecon, ne havas evidentecon. Tio estas evidenta.

Ni uzu la sencon komunan kaj sole rajtan de l' vorto « kredo » kaj forte apliku al la kredo la diferencon supre diritan inter evidenteco kaj certeco kaj ĉiu konfuzo malaperos.

« Kredi » signifas laŭ ia ajn vortaro, aŭ opinii ion vera, aŭ konjekti. Certe la lasta senco neebligas certecon, sed kiam D-o Melin kaj vi mem parolas pri kredo, vi parolas pri kredo Kristana. Sed rimarku, ke la uzo popola, sola juĝisto pri la senco de l' vortoj, komprenas tiam « kredo » laŭ la unua senco de tiu ĉi vorto, ke do vi ankaŭ *devas* ĝin tiel kompreni, kvankam vi opinias aŭ eble konjektas ke la Kristano opinias rajte la katolikismon vera.

Vi konfesas ke ĉe la Katoliko « la kredo povas regi estre kaj akordiĝi kun la plej intimaj sentoj de lia koro». Ĉu tio estas ebla sen certeco? Ĉu vi komprenas, sen certeco, eĉ sen forta certeco, kiel kredantoj multegaj, multegaj kristanoj forlasis vivon certan por kuri al morto, kiun sekvus necerteco? Kiel veraj sciencistoj, majstroj de l' uzo, de l' konstato, Copernic, Descartes, Képler, Newton, Volta, Ampère, Volta, Biot, Cauchy, Secchi, de Rossi, Klaŭdio Bernard, Pasteur, kaj aliaj ankoraŭ vivantaj restis katolikaj, konstatinte la veron sciencan, sed ne konstatinte la veron religian, sciante

cetere ke vero estas unu kaj unu estas metodo akiri ĝin? La Kristano estas do certa pri Kristanismo; la Kredo kristana neniel neebligas certecon sed supozas ĝin.

Kaj tamen certeco ne estas evidenteco, kaj kredo, supozante certecon, neebligas evidentecon.

Certe estas evidente ke *se* Dio, mastro supera de ĉio, parolas kaj komunikas al ni, liaj sklavoj, sian volon, *se* li diras al ni « Vi kredos, vi agos tion, kaj pro tiuj kredo kaj bona ago liberaj viaj, vi ĝuos feliĉon post via morto, *se* li revelacias, evidente ni devas obei kaj kredi. Sed ne estas evidente, sed nur certe, ke Dio *fakte* revelaciis, precipe ke li fakte altrudis al ni *tiun specialan* dogmon, *tiun specialan* ordonon pri nia konduto; unuvorte oni povas dubi eĉ serĉadinte longe kaj sincere pri la religio kristana : ĉar ĝia fundamento estas la historio kaj la filozofio — filozofio, k'u pruvas la ekziston de Dio, la eblecon de revelacio, de l'misteroj, de l' mirakloj; kaj la historio, kiu konstatas la vivon de Jesu-Kristo liajn agojn, liajn lecionojn, liajn miraklojn kaj el tio ĉio lian diecon. — Sed se estas malfacile akiri evidentecon pri ideoj eĉ plej simplaj, kiel do ni akiros ĝin pri faktoj kaj agoj malsimplaj de estaĵo tiel granda kaj tiel mistera kiel aperas Jesu-Kristo, pri faktoj malsimplaj juĝotaj de homo, kiu volonte neus ilin.

Ĉu tamen mankas certeco? Neniel.

Filozofio kaj historio estas veraj sciencoj, kies konkludoj povas esti certaj, se iliaj principoj estas regule aplikitaj — jen reaperas la konstato; en tiu ĉi materio ĝi estas tre ebla kaj kondukas al certeco.

Libroj ekzistas, kiuj estas skribitaj de atestantoj senperaj kaj sinceraj — vane de 20 jarcentoj oni atakis ilin; ili estas nun la plej aŭtoritataj el la libroj — ili priskribas la vivon de Jesu-Kristo : vivo plena de superhomaj virtoj de diaj lecionoj, de mirakloj, vivo vere dia. Jesu-Kristo estas do Dio kaj resuprenirante ĉielon, li fondis societon, al kiu li donis sian povon povo sur ĉiuj popoloj, povo lernigi al ili la dogmaron revelaciitan de li, praktikigi al

ili la vivmanieron altruditan kaj praktikitan de li, disdoni al ili liajn meritojn senlimajn kaj akirigi ĉielan superegan feliĉon. Do Katolikismo estas tiu societo fondita de Kristo. Jen la konstatoj de l' historio fonditaj sur la konkludoj de l' filozofio : ekzisto de Dio, ebleco de l' misteroj, de l' mirakloj, ktp... — Kie estas punkto pri kiu certeco estas neebla ? Nenie.

Ĉu ni bezonas evidentecon ? Neniel. Kio iĝus nia libereco kun tia evidenteco. Ĉu vi estas libera « kredi » evidentaĵon ? Ne, kio iĝus kulpeco kaj senkulpeco, merito kaj kontraŭmerito ? Kien forkurus niaj ateistoj kaj kontraŭreligiuloj por eviti tiun abomenaĵon : adori Dion. Sed trankviliĝu, vi, bonegaj ateistoj, vi povas legi ĉiujn apologiistojn kaj akiri certecon pri la vereco de l' Kristanismo, kaj resti ateistoj, nek iun ajn Dion adori ! Car plie ol certeco, ni bezonas Dian gracon. Dio ĝin donas laŭ siaj voloj kaj ofte laŭ niaj preĝoj, sed ĉiam sufiĉe por ĉiu homo. Ni, kredantoj, ricevas ĝin. Danku ni Dion pro ĝi tial ke ĝi estas libera donaco de Li, sed ni preĝu ankaŭ Lin por ke Li ĝin donu al la nekredantoj. Jen nia duobla devo. Ni ne povas kulpigi ilin, ĉar ili ne kredas, sed nur bedaŭri kaj klopodi por rebonigi ilian staton per preĝoj fervoraj al Dio.

Kaj nun mi konkludas kiel vi neniam mi intencis vundi la sentojn de iu ajn. Mi ne pensas tamen ke la religio estas afero de sentoj, sed de vero kaj de certeco, do de scienco. Mi opinias ankaŭ ke, respondante al vi katolike en revuo katolika, mi respondas ankaŭ scienc kaj inde de revuo scienca. GHISLENO BELGANO.

## SOCIALA KRONIK

" **L'Unione Popolare** " — Dum tiuj ĉi lastaj tagoj, oni finis la balotojn por formi la direktantan konsilantaron.

Por Toskujo estis elektitaj Profesoro *Toniolo* kaj Dok-

toro Alberto Chiappelli. La konsilantoj nov-elektitaj kunvenis antaŭ ses tagoj en Firenzo kaj unuvoĉe elektis por prezidanto de l' *Unione Popolare* Profesoron Jozefo Toniolo.

La Italoj devas ĝoji pro tiu elekto, ĉar la elektito estas vere inda de tiu honoro kiel ĉefapostolo de la Itala katolika movado. J. MEAZZINI.

**Strikoj kaj Sindikatoj.** — Jen la movado de l' strikoj kaj de l' sindikatoj en Franclando dum majo 1907 69 strikoj okazis anstataŭ 104 en 1906, kaj 66 igis sen laboro 5.909 laboristojn. El 69 strikoj, kiuj okazis en majo 18 daŭris unu tagon aŭ malpli, 7 daŭris 2 tagojn, 5 daŭris 3 t., 10 daŭris 4 t., 4 daŭris 5 t., 3 daŭris 7 t., 2 daŭris 8 t., 1 daŭris 12 t., 2 daŭris 14 t.

Ni kalkulu plie 12 strikojn malnovajn daŭrinte respektive 89 tagojn, 86 t., 66 t., 33 t., 28 t., 25 t., 23 t., 22 t., 21 t., 20 t. 7. El 79 konfliktoj, 15 sukcesis plene, 21 sukcesis parte kaj 34 malsukcesis. Tio estas ja multaj larmoj verŝitaj kaj multaj suferoj por malmultaj rezultatoj praktikaj. Kiam do, oni alvenos al interkonsento antaŭ la strikoj? Dum la monato oktobro 1907, la ministre de l' laboro estis informita pri la kreo de 31 patronaj sindikatoj, kalkulantaj 1.644 membrojn; 47 laboristaj sindikatoj kalkulantaj 3.476 memb.; 12 miksaj sindikatoj kalkulantaj 9,677 memb.; unu unuiĝo de l' sindikatoj, laboristaj kaj malapero de 33 patronaj sindikatoj kalkulantaj 746 m.; 112 laboristaj sindikatoj kalkulantaj 9.645 memb.; 2 unuiĝoj de laboristaj sindikatoj.

**Duelòj.** — Multaj dueloj okazis, tiujn ĉi lastajn tempojn. Pro tio; ni sciiĝis plezure, ke la reĝo de Itallando akceptis esti patrono de ligo kontraŭ la dueloj. La Itala ministro de l' milito, skribis al katolika ĵurnalisto, Markizo Crispolti, por diri kiom li estas feliĉa, ke internacia kongreso kontraŭ la duelo okazos baldaŭ en Budapest.

**Sociala gvidlibro** (France verkita). — En tiu libro, kiu estas tre bona, tre dokumentita kaj tre praktika laŭ sociala konsidero, oni vidos ke, preskaŭ solaj, la katol-

ikoj penadis (en Franclando) por helpi la popolon. Dum la parlamento, forgesinte la reformojn promesitajn al la laboristoj, pligrandigis sian salajron kaj voĉdonis por si mem pension; dum la socialistoj manĝegis unu la alian pro kontraŭmilitarismo kaj por kontraŭpatriotismo. Ili vidos ke, solaj, la katolikaj bonagoj, kiuj helpas ĉiujn, vivis per la penoj kaj per la helpo-mono de l' solaj katolikoj. Kontraŭe la bonagoj de l' registaro, kiuj devus helpi ĉiujn senpartie, helpas nur la partianojn de l' registaro, tamen tiuj bonagoj estas nutritaj per mono de ĉiuj, eĉ de ni, katolikoj! Ah! kiom kostas al ni la registaraj donacoj!

Oni trovas en la libro bonajn konsilojn por la estonteco. Oni lernos, kio estas farita, kiamaniere oni agis, kaj tion, kio restas por fari...

**Sociala semajno en Hispanujo.** — De 12 al 20 de decembro 1907 okazis, en Valencia, la kunsidoj de la sociala semajno Hispana. M-o Guisasola, ĉefepiskopo de Valencia, prezidis tiujn laborojn, en kiuj ses episkopoj, multaj pastroj kaj nereligiuloj partoprenis.

La ĉeestantoj estis tiel multegaj, ke oni devis kunveni en la granda amfiteatro de l' Universitato.

Ni ne parolos detale pri la fazoj de tiu interesa kunveno de socialaj katolikoj de Hispanujo. Kiel dokumentaron, ni donas la titolon de kelkaj kursoj kaj la nomojn de kelkaj profesoroj.

Inter la lecionoj de ĝenerála intereso tiuj de R. P. Vincent pri imposto; de Don Amando Castroviejo, kiu malvolvis la programon de l' kristana demokrateco Hispana, la programoj de Liège kaj Padoue; la paroladoj de Don Miguel Sastre pri strikoj, de Don José Posse y Villelgas pri laboraj sindikatoj; de R. P. Campoanor pri laborista organizo en Germanlando.

Multaj lecionoj estis dediĉataj al kamparaj demandoj. Don Rodriguez de Cepeda pri malgranda propraĵo konservinda kaj vastiginda; Don Luis Chaves pri kamparaj kasoj; Don Inocencio Jimenez pri terkulturaj sindikatoj;

Don Rafaël Marin pri l' agado de l' ŝtato en terkulturaĵo. S-no Dona Maria de Eclarlie parolis pri la sociala rolo de virinoj kaj estis tre aplaŭdita.

Arkeologiaj socialaj promenadoj estis organizataj dum la intertempo de l' kursoj. Fine ni citas la opinion de Franca katolíko, kiu partoprenis la laborojn de la sociala semajno de Hispanlando

« ...Se mi devus resumi en unu frazo la spiriton de l' socialaj kristanoj Hispanoj, kies kursojn mi ĉeestis, aŭ de kiuj principajn ideojn mi aŭdis en longaj kaj intimaj konversacioj, mi dirus : ili estas fervoraj kristanaj demokratoj, profunde penetritaj en la koro de l' instruoj kaj de l' praktikaĵo de sia religio, Ofte pli antaŭen ol la Francoj, kiujn oni kredas ĉe l' avangardo, ili restas pli certaj en sia kredo kaj en sia neŝanceleb'a submetiĝo al la papo kaj al la episkopoj. » FL. TOULMÉ.

## NOTOJ PRI VOJAĜO ĈIRKAU LA MONDO

*Sekvo* (1).

### PRISKRIBO, DIVERSAJOJ, LEGENDOJ

La pinta monto « Adamo » staras centre de l'insulo. Sur ŝtonego oni montras, laŭ-dire, la postsignon de l'piedo de nia unua patro, grandegan postsignon, taŭgan por grandegulo, kiel decis por la prapatro de la homaro. Dum mi estis en « Colombo » (Kolombo.), grandnombra pilgrimantaro da Birmanoj, veninta por viziti la sanktejojn de l'insulo, bone atentis, ke ĝi ne malzorgu pri la Adam'a pintaltaĵo. Mi demandas min pri tio, kion tiuj Birmanoj venas por tie petegi de la favoro de nia komuna prapatro.

Mahometanoj havas sufiĉe beletan diversajon en sia

1. Vidu E. K., N-oj 34 kaj 45.

legendo. Laŭ ilia diro, Paradizo estis je kelkaj miloj da futoj super Cingalujo je ses miloj, mi kredas. Post la kulpo de niaj unuaj gepatroj, la Anĝelo prenis Adamon per la haŭto de lia kolo, kaj ellasis lin en la spacon. Tiu-ĉi falis en Cingalujon, sur la pintaltaĵon, kiu konservas la postsignon de lia piedo. Poste la anĝelo samnaniere prenis Evan, sed, ĉar, dum tiu ĉi tempo, la tero estis turniĝinta, Eva falis en Dĵedda', en Arablando. Adamo, sola en sia insulo, malsaniĝis pro ĉagreno li ploris kaj repetegis pri sia edzino. La kompatema anĝelo kompatis al li. 'Gi reprenis lin per la kolo, kaj, tenante lin super la tero, ĝi ellasis lin ĝuste kiam pasis Dĵedda'. Granda ĝojo de la du geedzoj. Sed estis tre varme kaj tre seke en Dĵedda' sablo anstataŭ la malvarmeto de la iamaj kokosujoj. Ili ekpensis reeniri en la insulon pri kiu Adamo faris tiel allogan priskribon. La unua barko, kiu kuraĝe veturis sur maroj, rekondukis ilin en Cingalujon. Ili do estas sur sia ĉarmega insulo. Ili naskas du infanojn. Unu precipe donas al ili konsoladojn : li estas Abelo. Sed jen okazas, ke tiu ĉi estas mortigita de Kaino pro ĵaluzeco, avideco, diabla malboneco. Adamo kaj Eva elverŝas rivere larmojn kiuj fariĝas multekostaj ŝtonoj, diamantoj, topazoj, rubenoj, smeraldoj, ktp. Kiam la larmoj defluas ĝis la maro, ili fariĝas la belaj perloj, patrinoj de tiuj, kiujn, nuntempe, oni ankoraŭ kaptas ĉe la bordoj de l'insulo. Dume Kaino, la fratmortiginto vagadas, en sia freneza kurado, tra la montoj kaj la valoj, persekutata de la konscienca riproĉo, sub la formo de serpentoj siblantaj kaj mordantaj.

Hindo, (Bengalo aŭ Cingalo,) kolektas tie ĉi kaj tie la legendojn; li akceptas ilin el ĉiuj religioj, kaj tiuj legendoj ne maltrankviligas lian religian dogmaron, tre fleksleblan, malmulte precizan, kapablan je aliformiĝoj, kiel la estaĝoj de lia mitologia panteismo. Tamen li havas kelkafoje teologiajn diskutojn por precizigi kelkajn punktojn de siaj kredaĵoj kaj de sia filozofio. Tiel, antaŭ kelkaj jaroj, okazis grava disputado inter la filozofoj-teologistoj de Hinduismo.

La demando estis kiamaniere precizigi la dian rolon kontraŭ la homo, la specon de liaj rilatoj kun ni dum la vivado? Unuj diris « La homo estas kiel la katido, kiun ĝia patrino portas inter siaj dentoj kaj kiun ŝi tenas per la felo de l'kolo. Li devas nur konsenti, ke oni prenu kaj transportu lin. Nenia estas lia agado; la tuta movigo venas de Dio, kiu veturigas lin kaj agadas anstataŭ li ».

Aliaj diris « Via komparo estas malvera; ĝi ne sufiĉe liveras ion ajn al la homa aktiveco. La homo estas simila al la juna kanguruo, kiu, per la mano, tenas sin alpendigitan je la brusto de sia patrino. Li estas devigata penadi por sin teni je Dio, kiu ŝirmas, protektas kaj transportas lin ».

Oni retrovas, sub tiuj pitoreskaj figuroj, ion el la gravaj diskutadoj de la katolikaj partioj pri la esenco de la dihelpo. Hindoj havas « Tomistojn » kaj « Molinistojn ». Tiel vere estas, ke la grandaj homaraj problemoj ĉiam prezentas sin sammaniere al la homoj blankaj aŭ nigraj. kiuj pripensas kaj volas klarigi la malsimplan meĥanismon de nia naturo.

Kiam Cingaloj vidis la unuajn Portugalojn albordiĝintajn sur la randoj de ilia insulo, ili ekkuris al sia reĝo, tute timigitaj. « Reĝo, diris ili, ni ĵus ekvidis novan specon de tre strangaj homoj. Ili havas kapon kaj piedojn vestitajn per fero; ili manĝas blankajn ŝtonojn, (sukeron); ili trinkas sangon, (ruĝan vinon); ili kunportas instrumentojn bruegantajn kiel tondroj kaj kapablajn deĵeti fortikan kastelon ».

Cingalo, same kiel Hindo, havas altan ideon pri la homo kiu, per sia industrio aŭ sia rango, estas super li. Li deziras, ke li estu ĉiam akompanata. La Budhista monaĥo neniam eliras ne sekvate de infano. Ju pli homo havas ĉirkaŭ si servistojn aŭ kunulojn, des pli li meritas estimon. En Wegombo, mi volis iri sur la marbordon por tie promeni. Oni rimarkigis al mi, ke mi ne povis tien iri sola, ne ekscitante la miron kaj eĉ la malestimon de la landuloj. Mi estus ŝajninta homo de malnobla deveno,

eble sen graveco en sia propra lando. Sed mi devis esti rigardata kiel altranga persono, ĉar mi estas pastro kaj episkopo. Mi devis atendi akompananton por mia promenado. En tiaj kondiĉoj, estas malfacile skribi la pripensojn de promenanta solulo!

En la komenco de l' lasta jarcento, Cingalujo enhavis unu milionon da loĝantoj. Nun ĝi enhavas tri milionojn. Java' enhavas 25 milionojn da ili. Se Angloj kondukos siajn koloniojn kiel Holandoj, la loĝantaro povos fariĝi de nove tiel grandnombra, kiel ĝi estis en la tempo de la unuaj Cingalaj reĝoj 30 milionoj. Efektive, la solaj marbordoj estas loĝataj kaj bone kulturigataj. 'Ciuj lagetoj forlasitaj, kiuj iam kredeble estis ĉirkaŭitaj per vilaĝoj, atestas la eblon konduki akvon en tiun ĉi insulon kaj ĝin kulturigi en ĉiuj ĝiaj partoj, kaj igi ĝin la plej fruktodona en la mondo. Kun regulaj pluvoj, akvodefluiloj facile artefaritaj, varmega suno, klimato — kiu, pro la valoj kaj la montoj favoras ĉiuspecajn kulturojn — Cingalo, povas, esperi, se li estos bone reĝata, revidi ĝian prosperecon kaj ĝian gloron pasintajn.

Adiaŭ, ensorĉa insulo, rubeno falinta de la ĉielo, famigita de ĉiuj poetoj vin vizitintaj, kaj sonĝe dezirita de ĉiuj vojaĝemuloj! Kredeble, mi neniam vin revidos; sed mi ne forgesos la tre mallongajn tagojn, kiujn mi pasigis sub viaj ombraĵoj, sur la arĝentkoloraj sabloj de via marbordo, en la malpezaj barkoj de viaj fiŝkaptistoj. Mi gardos, kiel ĉarmega viziono, la vidiĝon de viaj verdaj kokosujoj, de viaj ruĝaj aleoj, de viaj elegantaj « rickshaws », de viaj bovveturiloj kovritaj per laŭboj palmfoliaj.

En miaj vojaĝaj memoroj, via kvieta, afabla, belmova popolo al mi reaperos kiel la plej agrabla raso de la transmaraj homoj. 'Gia marŝado, ĝiaj nigraj grandaj okuloj, ĝiaj ebonaj longaj haroj, ĝia testudaĵa kombilo, ĝia beleta blanka jupo, metos ĝin aparte en la diverskoloran amason de la malproksimaj nacioj. Mi jam forlasis vian havenon, kiam la venteto ankoraŭ alportis al mi la parfumon de

viaj tropikaj floroj : ĝi estis la lasta donaco de via riĉa naturo, la adiaŭa donaco, kiun vi faris al kiu ne povas vin forgesi, tial ke vi havigis al li tro profundajn impresojn.

Efektive, Cingalujo, per siaj monumentaj restaĵoj, per siaj postsignoj de iamaj famaĵoj, ekscitas ankoraŭ pli profunde la imag-forton ol per la eksterordinara riĉeco de sia kreskaĵo, kaj la senkonkura belegeco de sia klimato. 'Gi nune enhavas nur tri milionojn da loĝantoj amasiĝintaj sur marbordoj. La nordo kaj la plej granda parto de l'centro estas proksimume dezertaj la kreskaĵaro ilin okupas. Tamen, dum pli ol dekdu jarcentoj, tiu ĉi insulo, granda kiel Belgujo kaj Holandujo kunigitaj, kredeble enhavis almenaŭ tridek milionojn da loĝantoj.

El la verko : *Vojaĝo ĉirkaŭ la mondo* de M-ro Pasquier Rektoro de la Katolika Universitato en Angers, kun permeso de l'Aŭtoro, tradukis : Vo-Po-Lo.

---

## *LA VIVO DE L' KATOLIKISMO*

Romo. — *Pastra Jubileo de Pio X-a*. Tiun ĉi jaron oni solenigas la 50-an datrevenon de l' pastriĝo de Pio X-a. Lia Sankteco anoncigas, ke de nun la pilgrimoj al Romo povas okazi. Ili estis malpermesitaj pro kontraŭreligiaj manifestacioj. Belga pilgrimo okazos la 19 mart. La Penta Franca Pilgrimo al Jerusalemo estos en Romo la 28, 29. kaj 30 de marto. La Pariza Pilgrima Oficejo organizas rapidan vagonaron (de 13 ĝis 22 de majo) por restadi 6 tagojn en Romo.

— Laŭ dekreto de l'Kongregacio de Ritoj, la festo de l'Aparicioj de Lourdes estos de nun solenigata en la tuta mondo, la 11-an de februaro.

Franclando. — La 28-an de Jan 1908 mortis, en Parizo, Kardinalo Richard. Li naskiĝis en Nantes, 1-an de marto 1819, pastriĝis la 21 dec. 1844, fariĝis Episkopo de Belley en 1872, kaj Ĉefepiskopo de Parizo en 1886 ; kardi-

nalo en 1889. Li estas enterigita la 1-an de februaro, en la Katedralo *Notre-Dame*. Ĉeestis 5 kardinaloj, 47 ĉefepiskopoj kaj episkopoj, kaj grandega popolamaso. Estas granda perdo por la Franca Eklezio.

Per la morto de Kardinalo Richard, M-ro Amette, Koadjutoro, fariĝas plenrajte ĉefepiskopo de Parizo. Li naskiĝis en Douville (Eure) la 6-an de sept. 1850, pastriĝis la 20-an de dec. 1873, fariĝis Episkopo de Bayeux en 1898. La 21-an de febr. 1906, laŭ deziro de Kardinalo Richard, li fariĝis koadjutoro. Li estas vere inda posteulo de kardinalo Richard, kaj jam estas tre amata de la Pariza pastraro.

Lourdes. — La Jubileo de l'Aparacioj estas solenigita per plej belaj festoj kaj per ĉeesto de pli ol 40 000 pilgrimantoj. La 11-an de febr., je la preciza horo de l'unua aparicio en 1858, Episkopo Schoepfer, el Tarbes, tenis en siaj manoj la rozarion mem de Bernadette kaj preĝis kun la popolamaso la senmakulan Virgulinon. Vespere, la tuta urbo estis iluminata. Mro Rumeau, episkopo de Angers, predikis la Tritagan solenon. Festo grandega kaj neforgesebla.

Abisinio. — R.P. Marie-Bernard, Franca kapuceno, komisiita de l'Soverena Pontifiko al la kortego de Menelik, estis afable ricevita de l'Imperiestrino Taitou. La Papa sendito prezentis al ŝi artan mozaikon, kiu reprezentas la S. Virgulinon kun infano Jesuo. La Imperiestrino estis ravita kaj promesis skribi mem al Pio X-a. Menelik sendis al la Papo du lionidojn.

Bolivio. — La prezidento de tiu respubliko komisiis, la 23-an de jan. 1908, Lian Ekscelencon Joachim Caso, kiel eksterordinaran Senditon kaj Plenpotencan ministron apud la Sankta Sidejo. Ni tre ĝojas, ke denove Bolivio interrilatas kun Romo.

Polujo. — La Episkopoj de Aŭstria Polujo publikigis Leteron, invitante la fidelojn de siaj diocezoj, por ke ili solenigu la Papan Jubileon. Ili rekomendas amon al Roma Pontifiko, kiu « ĉiam estis por ili Patro tre amema kaj bonfaranta ».

## PROPAGANDA KRONIK

*Inter la Katolikoj.*

**Antaŭen Esperantistoj !** (nov.) afable represas la belan predikon de P-o Richardson ĉe la 3-a Kongreso. Tre sinceran dankon.

**Catholic Home Journal** (St-Louis, Usono) pri kiu ni jam ofte parolis, daŭrigas disĵeti la Esperantan semon. La Januara n-o, belege ilustrita, liveras la faman leteron de D-ro Zamenhof al Sr. Borovko pri la historio, de Esperanto, kun bela portreto de la Doktoro.

**Amikaj gazetoj Katolikaj.** Sur la unua vico estas *Revue du Clergé Français* (Revuo de l' Franca Pastraro) kiu fidele publikigas la Artikoaron de E. K.

Ni sincere dankas pro interŝanĝo la *American Catholic Quaterly Review*, la plej grava, plej serioza, plej ŝatinda katolika gazeto en Ameriko (200 paĝoj en granda formato 25 cent. × 17, ĉiu-trimonato). La oktobra n-o 1907 publikigis plej legindajn artikolojn, inter kiuj ni citos *La Franca Pastraro dum la regno de Teruro*, de Sr Barbara de Courson; *Plena teksto Latine kaj Angle de l'Encikliko pri modernismo. Francaj misionistoj en India*, de R. P. O'Connor. — Ni tre rekomendas tiun revuon al niaj Amerikaj aŭ Anglaj amikoj.

Interŝanĝas ankaŭ kun E. K. *La Franc-maçonnerie démasquée* (La senmaskigita Framasonaro) kiu publikigis la cirkuleron pri la fondo de *Esperanta Framasono : L'Association catholique Internationale pour la protection de la jeune fille* (Katolik-Internacia Asocio por protektado de Junulinoj); *Le Souvenir* (La Memoraĵo), literatura Belga gazeto, organo de *Agence Casier*, Bd Anspach, 83, Bruxelles; *Analoj Apostolaj de PP. de l' S-a Spirito*, misionistoj; *Misionoj de l'Augustinaj PP. de l'Asumcio*, ambaŭ lastaj kun interesaj rakontoj pri la misioj; *L'Action Franciscaine*, kiu interŝanĝas anoncon; *Rivista del Sacerdote Apostolico* (Macerata,

Ital.). Dir. M-ro Soldini; *La Croix*, la granda populara ĵurnalo, kiu afable parolas pri E.K. kaj Esperanto.

— Aliaj ne katolikaj gazetoj interŝanĝas kun E. K., inter kiuj la « vasta » revuo *Far Eastern Review* el Manila, Shangai kaj Yokohama, kiu publikigis kurson pri Esperanto (Organo de komerco, financo, inĝenieraj laboroj).

**Disvastiĝo de E. K.** Ni ĝoje povas konstati, ke E. K. estas nun unu *el la plej disvastiĝintaj gazetoj en Esperanto*. Ĝi estas legata en ĉirkaŭ **35 diversaj nacioj**, kaj sekve estas jam ŝatinda « forto » por la katolikoj. La legantoj devas tion konigi laŭte al ĉiuj komercistoj kaj industriistoj katolikaj por altiri ilin al Esperanto.

**Chilia.** — Profesoro Sepulveda Cuadra aktive propagandas inter la katolikoj ĉe parokestro de l' Spirito Sankta, Valparaiso; ĉe Direktoro de l' monata revuo *Eho de l' Sanktejo de Nia Sinjorino de Lourdes*; ĉe Rektoro de l' Seminario, Santiago; ĉe Direktoro de *Rivista Catolica*. Ni esperas, ke tiu semo estos fruktodona.

L. MILHO.

## KATOLIK-ESPERANTISTAJ SOCIETOJ

### SOCIETO KATOLIKA INTERNACIA

S-o Clergeau, kasisto-kalkulisto-filatelisto, Ko Blanzy-Ouest, *Nantes* (L.-Inf.), Franc.
S-o Antono Ribalta, Escuelas Pias, *Sabadell*, Hispan.
S-o Marco Lliro, Escuelas Pias, *Sabadell*, Hispan.
P-o J. Demeilliers, vikario, *Montivilliers* (S.-Inf.), Franc.
S-o Franz Skulina, I. P. Deuch leuten (Oest Shlesien), *Poln-Leuten*, Aŭstrio.
S-o J. Choblet, Direktoro de Pensionnat St-Joseph, *Loudun* (Vienne), Franc.
S-o J. Kleedorfer, stud. litt., Gollersdorf, 28, Aŭstrio.
S-o L. Mucien, rue du Collège, 136, *Verviers*, Belgnjo.
S-o H. Voirin, *Saint-Clement* (M.-et-M.), Franc.

LA ABELO ESPERANTISTA.

1. S-o Andreu, *Fourques* (P.-Or.), Franc. — Vinoj.
2. Firmo Malone-Brosse, 68, 69, 70, Great Strand, *Dublin* Irland. — Preĝejaj ornamaĵoj.
3. Firmo R.-V. Bouin, quai des Carmes, *Angers* (M.-et-L.), Francl. — Karboj.
4. S-o Ch. Jadau, *Mercurey* (S.-et-L.), Francl. — Vinoj.
5. Librejo Dailhé, place de l'Hôtel-de-Ville, *Avignon* (Vaucl.), Franc. — Libroj.

PASTRA ESPERANTISTA FRATARO (P. E. F.)

P-o Antono Ribalta, Escuelas Pias, *Sabadell*, Hispan.
P-o Marco Lliro, Escuelas Pias, *Sabadell*, Hispan.
P-o Decoene, *St-Trond*, Belg.
F-o Ludoviko, *St-Trond*. Belg.
S-o Koller, O. S. B. Stud. teolog., *Polten*, Aŭstrio.
D-o F. Malato, *Portalegre*, Portugal. (*Sekvo venos.*)

## PAĜO DE L' DIREKTOR

**Nia 8-paĝa kovrilo.**— Plezure ni komencas liveri, kun tiu numero, 8 paĝan kovrilon. por ke ni povu presi la *Anoncetojn senpagajn* de niaj abonantoj, kaj aliajn anoncojn pagatajn. Ni estas certaj, ke tiuj *Anoncetoj* tre utilos al niaj legantoj, kaj ni deziras, ke ili uzu senĝene nian *Novjaran donacon.*

**Reabonoj.** — Tiuj. kies abono finiĝas kun la *februara* N-o, estas petataj sendi al ni tuj la monon de sia reabono. Estas *tre malfacile* sendi poŝtajn kvitancojn ekster Francilando, eĉ oni ne povas sendi ilin en ĉiuj landoj. Ni esperas ke niaj legantoj aŭdos nian alvokon.

**Jarlibro.** — Rapidu sendi vian aliĝon al niaj katolik-Esperantistaj Societoj ; ne forgesu montri vian *profesion.* Krom la adresaroj. estos aliaj interesaj kaj utilaj informoj en la **Jarlibro.** Varbu precipe *komercistojn*, montrante al ili la profiton aboni gazeton en kiu ili povos meti senpagan anoncon dum unu jaro, gazeton, kiu estas dissendita en **35 diversaj nacioj** !

**Bela Katolika Ideo.** — Kelkaj legantoj petis de ni la kondiĉojn por esti enskribita en la *Unuiĝo por ĉiama dankeco al Mario Senmakula*, pri kiu ni parolis en E. K. N-o 43 (p. 74). Plezure ni respondas, ke nenia kotizaĵo estas postulata. Sufiĉas sendi sian plenan adreson, kaj diri ofte la kantikon *Magnificat*, kiel dankopreĝo. Ni volonte ricevos la aliĝojn, kaj sendos ilin al la Direktoro de l'Asocio de *N.-D. des Victoires*.

**Imitado.** — Ni ricevis kelkajn leterojn el amikoj kiuj « ne komprenas » kial ni prokrastas la preson de l'*Imitado*. Pro manko da loko, ni ne povas publikigi ilin. Tiu kiu *presas* libron je siaj riskoj iafoje « komprenas » aferojn, kiujn ne komprenas tiuj, kiuj simple *deziras legi* la libron... Tamen, ni esperas, ke post la publikigo de *Lando de Mirakloj*, ni povos tuj eldoni la 1-an libron de l'*Imitado*, tiel dezirata de multaj legantoj.

**Nova Pres-Maŝino en nia Presejo.** — La legantaro de E. K. estas kvazaŭ familio, kiu interesiĝas pri la aferoj de nia entrepreno. Ni do plezure anoncas, ke ni ĵus akiris grandan pres-maŝinon, per kiu ni povos pli bele kaj pli rapide presi la gazeton kaj ceterajn anoncitajn librojn. Ni esperas, ke niaj legantoj pli kaj pli favoros al ni, helpante nin per aĉeto de niaj preŝitaĵoj.

**Noto.** — *Universala komunikilo* de nun ne estas utila. La komunikoj de l'membroj de S. K. I. estas presataj en la *Anoncetoj*.

## EN LA MONDO ESPERANTISTA

### ĜENERALAJ INFORMOJ

**Cirkulero de D-o Zamenhof.** — Ce la *lasta horo*, ni ricevis cirkuleran leteron de D-o Zamenhof. Ni sendas al niaj legantoj la plenan tekston en « Suplemento » liverita al ni de la Esperantista Centra Oficejo.

**Cirkuleroj de grupoj.** — Ni ricevis cirkuleron el grupo de Beaune, por « fideleco » al *Zamenhofa Fundamento* ;

el grupo de Antverpeno, por sama fideleco; el grupo de Le Creusot, ankaŭ por fideleco. La sama grupo proponas, en la estonto, *referendon* pri demandoj interesantaj la tutan Esperantistaron. — Ĉirkuleron ni ricevis de l'Esperantista Societo de Verviers (Belg.), kiu deklaras akcepti la decidon de l' Delegacia Komitato.

**Migradekspozicio** estas organizata de l' Esp. Grupo Hanau a.M. Oficejo: Rhonstrasse. 4. Sendu dokumentojn.

**Al la Tutmondaj Instruistoj** sin turnas S-o Charles E. Cowper, 13, Arundel Street, Strand, London, W. C., por organizi specialan kunsidon ĉe la Kvara Kongreso.

**Slava Revuo** devis aperi en januaro lasta. Redaktoro: P. Tejmelka. Benešov apud Praha. Bohemujo-Aŭtrio.

**Esperantista Festo-tago.** — Ĉirkuleron ni ricevis de Prof. Otto Simon, VIII, Josefstadterstrasse, 66, kiu klarigas ke la dato 21 de julio devus esti anstataŭigita de la 21-a de junio por memorigi la aperon de l' unua libro Esperanta; ke la sola dato certa pri komenco historia de Esperanto estas la 17 dec. 1878. Prof. Simon atendas la opinion de la Esperantistaro.

## PROMENADO TRA LA GAZETOJ

Internaciaj Gazetoj. — *Internacia Scienca Revuo* (jan.). La redaktistaro diskutas kelkajn riproĉojn de lingvo internacia kaj fine konkludas, ke « espereble ĉiuj esperantistaj gazetoj *restos fidelaj* ». Publikigas leteron de S-oj Foerster kaj Ostwald, kaj kelkajn liniojn el letero de S-o Couturat.

*Esperanto-Ĵurnalo* (12 jan.) artikolo de S-o de Saussure pri *Ni restos fidelaj*. Parolas pri « la fideleco al la *interna ideo* de Esperanto, tiu interna ideo, kiun ni sentas forte dum la universalaj kongresoj, sed kiu iom paliĝas dum la intertempo... kompare kun tio, kiom malgravaj kaj malgrandaj aperas niaj nunaj diskutoj pri novaj sufiksoj aŭ alfabeto... ».

*Tra la Mondo* (jan.) en artikolo de S-o Montrosier kontraŭstaras la reformojn.

Aliaj internaciaj Gazetoj ricevitaj (januara n-o) *Lingvo Internacia. La Revuo, Internacia Socia Revuo, Esperanto-Ĵurnalo* (27 jan.). *Espero Pacifista* (nov.).

Naciaj Gazetoj (jan.). — *Amer'can Esperanto Journal* publikigas, post aliaj gazetoj, la deklaracion subsribitan de iaj esperantistaj révuoj post la kongreso de Boulogne. Ni bedaŭras ke tiu publikigo ŝajnas kredigi, ke tiuj subskriboj estas tute novaj, dum ili okazis en tempo, kiam oni ne havis kvazaŭ fanatikan opinion pri la *Fundamento*. La *Deklaracio* estas akompanata de tiu stranga frazo « Ni *kredas* je la netuŝebleco de la Esperantista Fundamento Zamenhofa. »

*Germana Esperantisto* citas opinion de Prof. Ostwald pri lingvo internacia

« *Ne estas kredeble, ke aparato tiel komplikita, kiel estas universala lingvo, povos resti neŝanĝebla, eĉ se oni trovis nun la plej kontentigan formon. La homaj aferoj, por kies esprimado la lingvo estas formata, estas submetataj al senĉesa ŝanĝado ; kaj ju pli precize la lingvo sekvas tiujn ŝanĝojn, des pli taŭga ĝi restos por sia celo. Oni do devas fiksi ne nur la nunan formon de universala helpa lingvo, sed ankaŭ* evolucio kontinua kaj regula *devas esti certigata*, — Prof. Ostwald (*Die Woche*, 23-IX-07).

Laŭ nia promeso ni citas larĝajn ekstraktojn el la *Belga Sonorilo* (17 dec.). — *La riproĉoj pri Esperanto.*

La plej grava, oni povas diri la sola grava, estas la neekzisto de reguloj pri deveno.

Por klarigi tiun demandon pri deveno, ni nomigos « senperaj aŭ rektaj devenoj » la devenojn ricevitajn nur per la ŝanĝo de la gramatika fino infinitivo, substantivo, adjektivo aŭ adverbo.

Ekzemple la grupo paroli — parolo — parola — parole estas grupo da rektaj aŭ senperaj devenoj.

Se la deveno okazas per afiksoj, ĝi estos nomata « pera aŭ nerekta deveno ».

Ekzemple « paroladi » estas, rilate al la radiko « parol », pera deveno.

Sed de « paroladi » oni povas naskiĝi serion da rektaj devenaĵoj, kiuj estas : parolado, parolada, parolade.

Ni rimarku tuje ke oni ne ĉiam povas eltiri plenan serion da kvar senperaj devenoj el proponita radiko, nome verbo, substantivo, adjektivo, adverbo.

Ekzemple ni konsideru la radikon « plum », kiu naskas la substantivon *plumo* ; ni ne ekvidas tion, kion povus signifi la vorto plumi ; eble oni povus aljuĝi al tiu verbo la signifon de la franca *plumer*. Sed la franca vorto, se oni analizas ĝin, donas la signifon « eltiri plumojn ».

Nu, estas komprenebla ke tiu signifo estas tro speciala por ke ĝi povu naskiĝi nur el la anstataŭo de o per i ; sekve la verbo « plumi » ne ekzistas ; la francan vorton *plumer* oni tradukas Esperante : *senplumigi*.

Nun ni konsideru la radikon *plumb*, kiu naskas la substantivon *plumbo* ; ŝajnas, ke el tiu radiko, kiel el la radiko *plum*, oni ne povus eltiri senpere verbon.

En franca lingvo ekzistas la verbo *plomber*, kion ĝi signifas? « Provizi per plumbo ».

Tiu ideo evidente estas tia ke, por klara esprimo, ĝi postulas sufikson.

Tamen la nuna Esperanto opiniis, ke ĝi povas elekti la verbon senpere devenitan; kaj en la vortaroj ni trovas «plumbi» (provizi per plumbo).

Do, por esprimi « eltiri plumojn » oni havas peran devenaĵon « senplumigi » dum por esprimi « provizi per plumbo », oni havas senperan devenaĵon : plumbi.

Tiaj ekzemploj estas multnombraj en la nunaj vortaroj.

Oni ricevas unuflanke : brosi (purigi per speciala instrumento), kaj broso (la instrumento por brosi) ; aliflanke : tondi (tranĉi per speciala instrumento), kaj tondilo (la instrumento por tondi.

Do tie ĉi ankoraŭ senpera deveno (broso) kun la senco de instrumento por fari la agon esprimatan en la verbo, kaj pera deveno (tondilo) en kiu la instrumenta afikso *-il* trovas bonan uzon, ĝian logikan uzon...

...Nu, estus kvazaŭ infanaĵo ne vidi ke la deveno pri senco devas necese akompani la devenon pri formo ; se ne, tiu ĉi estas sen vera valoro.

La karakterizo de Esperanto estas precize ĝia sistemo de deveno, kiu povas certigi al ĝi la *maksimumon de logikaj*

*simpleco kaj klareco*, kaj ĝin farigi facile uzeblan kaj por ĉiuj agrablan.

En n-o de l' 5-a de jan. estas rimarkinda artikolo pri *Deveno de Esperanto*, el kiu ni tiras jenon

Ne estis sufiĉa diri ke, post ŝanĝo de i per o, oni ricevas substantivon rilatantan al la infinitivo ; plie estus nepre necesa diri tion, kio karakterizas tiun rilaton inter infinitivo kaj substantivo senpere devenantaj unu el la alia.

Ni tuj citos serion da ekzemploj, kiuj montros ke la rilato estas nune tiel diversa en Esperanto, kiel en ia natura lingvo :

| | | |
|---|---|---|
| Ami | signifas plenumi la agon | amo |
| | aŭ esti en la stato | amo |
| Loki | signifas doni | lokon |
| Rajti | signifas havi | rajton |
| Aboni | signifas postuli | abonon |
| Flori | signifas naski | floron |
| Ori | signifas provizi per | oro |
| Brosi | signifas agi per | broso |
| Tamburi | signifas frapi sur | tamburo |
| Vapori | signifas produkti | vaporon |
| Avari | signifas esti | avaro |
| Tajlori | signifas fari metion de | tajloro |
| Mebli | signifas provizi per | meblo |
| Fumi | signifas enspiri kaj elspiri | fumon |
| Odori | signifas naski, liberigi | odoron |

k. c., k. c.

Oni vidas ke, en ĉiu aparta kazo, estas necesa (kiel en la naturaj lingvoj) ellerni parkere la rilaton pri senco, kiu elvenas de la ŝanĝo de i per o, kiam oni pasas de l' infinitivo al la substantivo.

Tio estas malfacilaĵo nepre evidenta, malfacilaĵo de kiu la graveco povas nur pliiĝi senfine, se tuja rimedo, rimedo radikala kaj facila, ne kuracas la malbonon.

Tiu rimedo estas montrata de Esperantisto mem, de Sinjoro Couturat, la homo kiu estas eble la plej kompetenta pri la demando de la internaciaj lingvoj.

Per la lastaj vortaroj esperantistaj, eldonitaj en Germanlando, li starigis la diversajn kategoriojn da rilatoj ekzistantaj inter infinitivoj kaj substantivoj senpere devenantaj unu el alia, kaj alia el unu. Kaj li konstatis ke, inter tiuj diversaj kategorioj, du el ili superregas absolute ; estas la kategorioj en kiuj la substantivo senpere elvenanta el verbo montras la *agon* aŭ la *staton* esprimitan de tiu verbo.

Plie, oni ofte konstatis ke estas senutila, aŭ neebla, apartigi la proprediratan agon de la rezultato esenca aŭ senpera de la ago.

Ekzemple, « parolo » povas signifi ĉu agon rilatantan al paroli, ĉu unu parolon mem (tion, kion oni parolas).

Oni povos ankaŭ ekzameni ĉu ne estos pli utila akcepti specialan afikson montrantan la *konkretan objekton, rezultaton de la ago.*

Nu ! niaj lingvoj uzas flue tian afikson, kiu estas la afikso *ur*, kiun oni trovas en latina lingvo : *figura, mensura, pictura;* en la franca lingvo *rupture, fêlure, brisure, peinture, écriture, ouverture, fissure, couture, suture, confiture*, k.c.; en la angla lingvo : *figure, aperture, abbreviature, acupuncture, mixture, caricature, closure*, k.c.

Se oni akceptus la du sekvantajn regulojn : 1-e la substantivo senpere devenanta de verbo signifas agon aŭ staton esprimatan per la verbo ; 2-e la sufikso *ur*, kunigita al verba radiko, utilas por formi la substantivon, kiu montras la konkretan objekton, rezultaton de la ago esprimita per la verbo, oni formos seriojn da devenaĵoj, tiaj ke

skribi — skribo la ago mem — skriburo la rezultato ricevata sur papero ;

rompi — rompo la ago mem — rompuro la rezultato ricevita sur sia objekto.

En la N-o de la 19-a de jan, B. S. daŭrigas la studon pri *deveno en Esperanto*. Li altiras la atenton al uzo de sufikso *-ad* por esprimi la simplan agon ; ekzemple *verkado* signifas ago je verki, dum *verko* estas literatura rezultato ; *brosado* signifas ago je brosi, dum *broso* estas instrumento por *brosi*.

S-o Couturat tre bone montras, ke tiu malrektiga uzo de l' sufikso *-ad* estas ne konsekvenca, ĉar laŭ la *Fundamento*, *-ad* montras daŭron de la ago aŭ senĉesa ripeto de la ago.

B. S. diras ke « la vastigo de la Esperanta vortaro devas esti preciza afero rezervata por ia centra grupo (Lingva Komitato aŭ Akademio) ».

...Se ne, okazus (malfeliĉe, tio jam okasis) ke homoj, unue altirataj al Esperanto pro la elmontro de ĝiaj logikaj kaj regulaj principoj, lernus ĝin, poste penus utili ĝin por traduki ne nur la ĉiutagan vivon sed ankaŭ sciencajn kaj teknikajn verkojn, kio estas almenaŭ tiel grava kiel traduko de verkoj

nur literaturaj. Sed okazos ke, trovante en la vortaroj tiajn mankojn pri la fundamentaj principoj, ili baldaŭ komprenos, ke ili komencis malfacilan kaj vanan laboron, kaj ili forlasos la lingvon, al kiu ili venis entuziasme kaj kiu forportis iliajn esperojn!

Tia estas la danĝero, nek hipoteza aŭ imaga, sed antaŭvidita kaj montrita de lertaj Esperantistoj.

La momento estas alveninta signali tiun danĝeron al la Esperantista mondo libera.

Tion ni faras kun la certeco ke tiu mondo komprenos ke tie kuŝas la sola rimedo por malebligi Esperanton plenumi ĝian perdon en la marĉo de la mallogikaĵoj kaj idiotismoj.

Pro manko de loko, ni ne povas citi la ceteron de l' artikolo (5 p.). Oni pravigas la uzon de l' sufikso *-iz*, kaj montras per multego da ekzemploj la praktikan utilecon de ĝi. La tuta artikolo estas tre atente leginda. Cetere B. S. avertas la legantojn, ke « ĉio, kion li prezentas estas en la franca broŝuro de Couturat : *Etude sur la derivation en Esperanto*. Li nur ŝanĝas la manieron prezenti tiun gravan verkon.

P. S. — Ni signalas al la Esperantistoj rimarkindan artikolon de S-oj Seynaeve kaj Jamin pri la *Ĵeĵuro de Boulogne*, el kiu oni konos la veron pri la Deklaracio kaj ankaŭ la legendon pri pretendita ĵuro.

Aliaj naciaj gazetoj ricevitaj : *Germana Esperanto-Gazeto*, nova kunfrato al kiu ni sendas sinceran saluton ; *The British Esperantist* ; *Amerika Esperantisto* ; *Svisa Espero* ; *La Suno Hispana* ; *Ĉasopis Ĉeskyh Esperantistu* (nov., dec.) ; *Esperantisten* (okt.-nov. kaj dec.) ; *Antaŭen Esperantistoj !* (nov.) ; *La Verda Standardo* ; *Afrika Esperantisto* (dec.) ; *La Alĝeria Informilo* ; *Filipina Esperantisto* (dec.) ; *Esperanto* ; *Eĥo Esperantista* (n-o 19) ; *La Esperanta Instruisto* ; *Akademi internasional de Lingu Universal*. Ni ĝoje salutas la reaperon de gazeto esperantista en Chilujo. En la komitato de redakcio estas P-o Eduardo Fabres, S-o Augusto Biaut, profesoro I. K. Kontreras. Admin. de *Chilo Esperantista*, Casilla 1989, Santiago, Chile. Prof. E. Lime,

## BIBLIOGRAFIA KRONIK

**Librejo Hachette kaj Ko.** — *La Faraono* de B. Prus, tradukita de D-o K. Bein (Kabe), 3-a volumo. Oni povas diri, ke tiu verko en tri volumoj estas la plej grava, 'a plej interesanta el la tuta Esperanta literaturo. Prezo 2 fr. — *La Rabistoj*, dramo da Schiller, trad. de D-o Zamenhof. Bela volumo el 144 p., represaĵo el *La Revuo*. Kelkaj frazoj aŭ esprimoj rimarkitaj *Mi disfrotos lin al polvo* (?)... Li kraĉos *al vi* en la vizaĝon... *Fiziognomiko*. . Per sia *gravamiena* trotado.,. — Tre kurioza verko, sed ne konsilinda al eklernantoj. Prezo 2 fr.

*Praktikaj Komercaj Leteroj* en Esperanto, kun franca traduko. Eldono por Francoj de la sama libro por Angloj. Verkis J. C. O'Connor kaj P. D. Hugon. 92 paĝ.

*Primere Lectiuni de Esperanto*, de Th. Cart. Eldono Rumana. Trad. D-o G. Robin. 28 paĝ.

**Esperanta Universala Biblioteko**, de A. Marich (Prezo 30 heleroj) : *La Jukagiroj*, etnografia skizo, de Georg Davidov (n-o 5). — *Ĉerkesaj Rakontoj* (n-o 6). — *Persaj skizoj* (n-o 7), ambaŭ de l' sama aŭtoro. — Ni deziras plej grandan sukceson al tiu interesanta *Biblioteko*.

**Esperantista Centra Oficejo**, Paris. — *Ekstraktoj el diversaj ĵurnaloj Anglaj* pri la 3-a kongreso (Angla teksto). 56 paĝ. in-4. Tre leginda dokumentaro. — *Pri la participa sufikso antaŭ la verba finiĝo*. El « Esperanta Dokumentaro ». Prezo 25 centim. Plena raporto pri la respondoj de L. K. Konkludo « La Lingva Komitato malkonsilas la uzon de kuntiritaj verbaj formoj konsistantaj el participa sufikso antaŭ verba finiĝo. » (Tio rilatas al la formoj *mi amatas*, anstataŭ mi *estas amata*, mi amintis, anstataŭ mi *estis aminta*). La broŝuro enhavas la respondon de nia Direktoro (p. 18-19), kiu proponis la helpan vorton *estinte* por traduki la kunmetitajn formojn de *aktiva* verbo mi *estinte amis* (mi estas aminta, mi estis aminta). Oni ne diras, ĉu tiu projekto estis diskutata.

**Diversaj**. — Esperanta Klubo de *San Sebastian* (Hispan.). Broŝuro-cirkulero pri fondo de « Esperanta Agentejo ». Tre bele ilustrita. — *Moresnet-Neutre, Etat Espérantiste indépendant*, de Gustave Roy. Vendata de « Librairie de l'Esperanto ». Tre kurioza broŝuro Franca, kiu proponas projekton, realigeblan en ses monatoj, por fari el *Moresnet* sendependan Esperantistujon. Prezo : o fr.5o. — *Almanako por 1908*, eldonita de *Espero Kataluna*, Paradis, 12, Barcelona, Hispan. Prezo o fr.5o afrankite. Por 10 ekz.: 3 fr. 5o. Ni tre rekomendas tiun almanakon al la legantoj de E. K., ĉar ĝi enhavas « Sanktaron », t.e. plenan nomaron de sanktuloj.

**Verkoj de S-oj Leau kaj Couturat**. — *Les Nouvelles Langues Internationales* (Novaj lingvoj internaciaj). Sekvo de *Histoire de la Langue Universelle*, 112 p. Aĉetebla ĉe S-o Couturat, 7, rue P.-Nicole, Paris. 2 fr. 5o. — *Conclusions du rapport sur l'état présent de la question de la langue internationale* (Konkludoj de l' raporto pri la nuna stato de l'demando pri L.I.), prezentita de S-oj Leau kaj Couturat al la Delegacia Komitato. 32 p. Sendota *senpage*. — *Compte-Rendu des Travaux du Comité de la Délégation*. Plena raporto pri la laboroj de l' Delegacia Komitato (15-24 okt. 1907). Sendota *senpage*.

Prof. E. Lime.

---

LABOROJ DE LA DELEGACIO
POR ELEKTO DE HELPANTA LINGVO INTERNACIA

Ni ricevis kelkajn dokumentojn, per kiuj oni povos studi la agadon de la Delegacio. La *Compte-Rendu des travaux du Comité, 15-24 okt, 1907* (plena raporto pri la laboroj de la Delegacia Komitato) estas *oficiala* dokumento. Ni bedaŭras ke ne ekzistas Esperanta traduko de ĝi. Tiuj, kiuj povas legi France, devas legi atente tiun dokumenton (1). Ni citas kelkajn partojn

« Post kiam oni komencis diskuti pri Esperanto, S-o

1. Petu ĝin de S-o Couturat, rue Nicole, 7, Paris.

Moch rimarkigis « ke la projekto de *Ido* (la membroj de la Komitato estis ricevintaj *Elementala Gramatiko, Kompleta Gramatiko, Exercaro* kaj specimenon de la *Vortaro*) estis nur Esperanto plibonigita laŭ la konkludoj de l'Raporto de l'Sekretarioj, *kaj la sintezo de l'reformoj de longe próponitaj de multaj Esperantistoj* (1); tiamaniere ke, por ne perdi tempon, oni povis simple diskuti en la projekto de *Ido* la punktojn pri kiuj ĝi diferenĉas de klasika Esperanto ».

Jen kelkaj punktoj pridiskutitaj

« Pri la fonetiko de *Ido*, nenia kritiko okazis... Neniu defendis la devigan akuzativon... la projekto de *Ido* konservas laŭvolan uzon de l' akuzativo, kaj faras ĝin deviga nur kiam oni uzas inversion (metante komplementon antaŭ la subjekto... Neniu defendis la tabelon de la 45 vortetoj *a priori* de Esperanto, nek protestis kontraŭ la anstataŭigo de ili per vortoj *a posteriori*... *S*-o Moch plene aprobis la multenombron per *i*... Oni kritikis la konjugacion de *Ido*... » ktp.

Poste oni legas en la broŝuro la decidojn de la Komitato jam citatajn en E. K. kaj rimarkojn de S-o Moch pri diversaj frazoj de l' Raporto, kiujn li deziras korektigi.

— Krom tiu grava dokumento, kiun *ĉiuj Esperantistoj devus legi*, ni ricevis alian ne-oficialan broŝureton 12-paĝan, France redaktitan de S-oj Leau kaj Couturat.

En tiu ĉi oni ekzamenas, kiamaniere kelkaj gazetoj parolis pri la Delegacio kaj ĝiaj laboroj; oni respondas al diversaj malveraj kritikoj aŭ diroj. Oni memorigas, ekzemple : ke la Delegacio ne volas *trudi* novan lingvon, sed nur proponas reformitan Esperanton; ke la Delegacio estas plene libera akcepti aŭ ne tian aŭ alian formon de lingvo internacia; akcepti aŭ ne la reformojn proponitajn, tiel kiel la Esperantistaro estas ankaŭ libera ilin akcepti aŭ rifuzi, kc.

**La plej grava informo** estas tiu ĉi « Tial ke la

1. Tiun frazon ni mem presas per kursivaj literoj.

proponoj de la Delegacia Komitato ne ricevis respondon, la Komitato de nun sin turnos al la « Esperantista popolo » mem, kaj samtempe al senpartia publiko, kiu estas ankoraŭ varbota, *per publikigo de duon-monata ĵurnalo redaktita en Esperanto reformita*... Tiu ĵurnalo servos, unue, por liveri al la interesatoj aŭtentikajn kaj precizajn informojn, ĉar la Esperantista gazetaro, alligata al la konservemistoj de la *Fundamento*, estas fermata (estas tamen kelkaj malmultaj kaj meritaj esceptoj) al ĉiu sendependa opinio. Ĝi utilos ankaŭ por la libera diskutado de sciencaj demandoj lingvaj, — kiu estas preskaŭ tute forigita de l' Esperantistaj gazetoj, de du jaroj : — por la formado de teknikaj vortaroj,... fine por la propagando de Esperanto reformita... »

Jen la nuna stato de l' demando Pro la ne-respondo de la *Lingva Komitato*, Esperanto havas nun tre gravan konkuranton. Estos batalo inter la reformistoj kaj la ne-reformistoj. Estas fakto nun neevitebla. Kelkaj akceptos ĝin kun gaja rideto, malŝatante la konkuranton. Aliaj havos la konvinkon, ke la unuiĝo estus estinta pli fruktodona ol kruela batalo... La estonto diros, kiu estas prava.

Fidelaj al nia senpartieco, ni liveras sube tekston eltiritan el *Esenco kaj estonteco de la ideo de Lingvo internacia*, en nuna Esperanto kaj en reformita. Niaj legantoj povos tiamaniere fari komparon. Ni nur avertas ilin, ke ili ne tro rapide juĝu *arbitraj* la formojn novajn, kaj memoru la aplikadon de l' principo de internacieco *plej granda* por la radikoj

« *Sed se en la Esperanta gramatiko oni preskaŭ nenion povas ŝanĝi, kaj en la vortaro oni povus ŝanĝi nur·iajn 10 por cent da vortoj, tiam estas la demando, kion do prezentus per si la* nova *lingvo? Tio ĉi estus ne nova lingvo, sed nur iom ŝanĝita lingvo Esperanto! Sekve la tuta demando pri la estonteco de la lingvo internacia alkondukiĝas nur al tio, ĉu Esperanto estos akceptita senŝanĝe en sia* nuna *formo, aŭ en ĝi estos faritaj iam*

*iaj ŝanĝoj! Sed tiu ĉi demando por la Esperantistoj havas jam nenian signifon; ili protestas nur kontraŭ tio, se apartaj personoj volas ŝanĝi Esperanton laŭ sia bontrovo; sed se iam aŭtoritata kongreso aŭ akademio decidos fari en la lingvo tiajn aŭ aliajn ŝanĝojn, la Esperantistoj akceptos tion ĉi kun plezuro kaj nenion perdos de tio ĉi ili ne bezonos tiam de la komenco ellerni novan malfacilan lingvon, sed ili bezonos nur oferi unu aŭ kelkajn tagojn por la ellerno de tiuj ŝanĝoj en la lingvo, kiuj estos faritaj, kaj la afero estos finita.»* (Fundamenta Krestomatio, p. 312.)

— Jen, por komparo, la sama paragrafo tradukita en Esperanto reformita :

*« Sed se en la Esperantala gramatiko on povas chanjar preske nulo, ed en la vortaro on povus chanjar nur cirke 10 p. cent de vorti, lor la questiono esas, quon do prezentus la nuva linguo? Co esus ne nuva linguo, sed nur linguo Esperanto poke chanjita! Konseque la tuta questiono pri la futuro di la linguo internaciona reduktesas nur ad ico, kad Esperanto esos aceptata sen chanjo en sa nuna formo, od en ol esos facata ultempe kelka chanji! Sed ica questiono havas jam nula importo por la Esperantisti li protestas nur kontre co, ke privata personi volas chanjar Esperanto segun sa arbitrio sed se ultempe aŭtoritatoza kongreso od akademio decidos facar en la linguo tala od altra chanji, la Esperantisti aceptos ico kun plezuro ed perdos nulo pro co li ne bezonos lor lernar de la komenco ula nuva malfacila linguo, sed li bezonos nur sakrifikar un od kelka jorni por la lerno di la chanji, qui esabos facata en la linguo, ed la afero esos finita. »*

KOMPARO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Preskaŭ | preske | Al tio | ad ico |
| Nenion | nulo | Ĉu | kad |
| Kaj | ed | Akceptata | aceptata |
| Ĉirkaŭ | cirke | Aŭ en ĝi | od en ol |
| Tiam | lor | Faritaj iam iaj ŝanĝoj ! | facata ultempe kelka chanji ! |
| Demando | questiono | | |

| | | | |
|---|---|---|---|
| Estas | esas | Tiu ĉi demando | ica questiono |
| Kion | quon | Nenian signifon | nula importo |
| Nova | nuva | Apartaj personoj | privata personi |
| Lingvo | linguo | Laŭ sia bontrovo | segun sa arbitrio |
| Tio ĉi | co | | |
| Iom | poke | Aŭtoritata | aŭtoritatoza |
| Sanĝita | chanjita | Tiajn aŭ aliajn | tala od altra |
| Sekve | Konseque | Oferi | sakrifikar |
| Estonteco | futuro | Kelkajn tagojn | 'kelka jorni |
| Alkondukiĝas | reduktesas | De tiuj ŝanĝoj | di ta chanji |
| Kiuj estos faritaj | qui esabos facata | | |

Ni ne volas meti ian komentarion. La legantoj juĝos. Kompreneble ili bezonas pli ol simplan komparon de mallonga teksto por havi seriozan opinion. Sed eble ili deziros studi zorge la demandon, anstataŭ simple diri : « Ni volas nenion aŭdi ! » Prof. E. Lime.

## 'ŜAKOJ

Sub la redakcio de S-o Al. Wagner, Stanislau, 2. Aŭstrujo.

### Neordinara ludfino.

Komponis T. Maets, Amiens.

Satano



Tvardovski

— Mortigo per la sepa iro ! ĝoje ekblekis Satano je sia irvico.

### Solvo de Problemo XVII-a

de S. Loyd

1. D — 5DT !

Guste solvis : F. Maetz, Amiens, Ch. Rillaux, London.

### *Neordinara ludfino*

La glora Pola sorĉisto Tvardovski sidis foje en sia laboratorio. profundigita en ia ŝakproblemo. Li ekflaris rapide bonkonatatan sulfur-odoron.

— Kiel vi fartas, Sinjoro Lucifero ? demandis Tvardovski, ne deturnante sian rigardon.

— Ŝakoj estas la satana ludo, rediris l' alvenanto, mi volas

interŝanĝi kun vi unu ludon, por ke mi montru mian intelektan superecon.

— Por kiu veto, nigrulo?

— Por via animo, majstro. Ĝi apartenas de longe al mi. Mi metas miaflanke tiujn ĉi du orsaketojn.

Tvardovski konsentis kaj la ludo komencis. La sorĉisto ne povis tamen longe kontraŭstari al la satana kalkulo kaj li falis en la premegita pozicio. (Vidu diagramon.)

— Mortigo per la sepa iro! ĝoje ekblekis Satano je sia irvico.

Tvardovski ridetis kaj silentis,

| Blanko | Nigro | | |
|---|---|---|---|
| 1. . . | T × Ĉ (ŝ) | 4. D kovras | T × D (ŝ) |
| 2. R — 3K | D × T (ŝ) | 5. S × T | Ĉ — 7K |
| 3. T × D | T × T (ŝ) | 6. S — 4R | Ĉ × S (ŝ) |
| | | 7. R — 3D | |

Satano jam ekkaptis la turon, por ke li ŝakmortigu, kiam rapide lia mano ektremis.

— Kial vi ŝanceliĝas, amiko? demandis kun ironio la granda sorĉisto. Mortigu nur, sed pensu, ke ĝi estos unua signo de la kruco, kiun la satano formos de Krista krucumo!



Lucifero ekmalbenis kaj forkuris, lasinte la oron.

## PENSO

*Matene mi ĉiam esperas rikolti garbaron nur oran;*
*Sed tamen nenia vespero, ĝisnune, donacis arĝentan!*
*Espero orumas la tagon; vespere, havante nur feron,*
*Mi forĝos el tiu, por sekva mateno, esperan la ankron!*

Esperantigis: KARL ZACHERL.

*Le Directeur-Gérant*, EM. PELTIER.

Presejo de *Espero Katolika*. Sainte-Radegonde (I.-et-L.), FRANCE

# KATALOGO DE ESPERO KATOLIKA

**Katolika Preĝaro,** 1-a volumo. 180 p., kun *Imprimatur* de M-ro Renou, Ĉefepiskopo de Tours . 2 fr. 50
**Kato kun botoj**, luksa eldono. 6 ilustraĵoj. 0 fr. 50
**Cindrulino**, el sama kolekto. 6 ilustr. 0 fr. 50
*La du verkoj kune mendataj* . . 0 fr. 75
**La Katolikaj Esperantistoj ĉe la 2-a Kongreso** de Esperanto en Genevo (1906). Plena raporto kun la prediko de P-o Em. Peltier . . . . . . . 0 fr. 15
**Hebrea Kalendaro**, originale verkita de Pastro Jakobo Bianchini (Italo), kun *Imprimatur* de M-o Renou, Ĉefepiskopo de Tours . . . 0 fr. 20
**Patro Nia**. Ĥoro por soprano, aldo, tenoro kaj baso, dediĉita al la *Tria Kongreso* kaj kantita dum la meso por Katolikoj en Cambridge. Teksto kaj kompono de Johano Gothardo (154-a verko); 6 paĝoj da muziko. Aĉetebla pogrande *nur* ĉe *Espero Katolika*. Prezo 60 Sd., 1 M. 25. 1 fr. 50
**Pri unu speco de kurbaj linioj, koncernantaj la V-an Eŭklidan postulaton.** Verkis Profesoro Dombrovski (2-a eldono). . . . . . . . . 0 fr. 65
**Pri novaj trigonometriaj sistemoj.** Originale verkis Prof. Dombrovski . . . 1 fr. 80
Aĉeteblaj *po-grande* nur ĉe *E. K.*
*KATOLIKAJ KUNVENOJ DUM LA TRIA KONGRESO* en Cambridge (1907) 0 fr. 25
**PER TELEFONO**, sceneto de Jacques Freneuze; kun permeso de l' aŭtoro tradukis Josée Guivy. 0 fr. 15

## PLENA KOLEKTO DE ESPERO KATOLIKA

1-a SERIO : 1-a j.. — 2-a j., kaj 5 n-oj de la 3-a jaro). 'Ĉiu jaro : 2 fr. (dek kajeroj da 88 paĝ.). Duono de la 3-a jaro (ĝis marto 1906) 1 fr. — (La *kolekto ĝis marto 1906 5 fr. afrankite*).

2-a SERIO : Duono de la 3-a jaro (de marto 1906 ĝis oktobro 1906) — 4-a jaro (de oktobro 1906 (ĝis oktobro 1907 7 fr. 50 (En Francl. 6 fr.)

## MUZIKAĴOJ DE S-ino JOSÉE GUIVY

**Ho, Mia Kor'**, poezio de D-ro Zamenhof 1 fr.
**En Songô**, poezio de D-ro Zamenhof . 1 fr. 60
**Birdoj, forflugu**, poezio el *Flandra Literaturo* 1 fr. 60
**La du Muloj**, fablo de La Fontaine 1 fr. 60
**Himno**, poezio de P-o A. Dombrovski 1 fr. 25

REVUE DU CLERGÉ FRANÇAIS (*Revuo de Franca Pastraro*). — Redaktoro : Pastro J. Bricout, 17, rue Fénelon. Administracio : Librejo Letouzey et Ané, 76 *bis*, rue des Saints-Pères, Paris. Jarabono, 23 fr. (En Francl. 20 fr.). 110 paĝoj duonmonate. Revuo tre progresema pri studoj pastraj. En ĝi kunlaboras la plej kleraj pastroj francaj.

L'ACTION FRANCISCAINE (*Franciskana Agado*). — Monata organo de Franciskanaj Asocioj. Bonega Franca revuo 32-paĝa. Pritraktas socialajn demandojn. — Abono jara 7 fr. (6 fr. en Francl.). Admistr. 117, Bd Raspail, Paris. - 6e.

LES LANGUES VIVANTES (La *Vivaj Lingvoj*), Angla, Germana, Itala, Hispana, Franca kaj **Esperanta**. Ilustrita Revuo duonmonata. — Eldonita de la firmo Bloud, 4, rue Madame, Paris, ĉe kiu oni devas peti specimenon.

| Abono | PLENA REVUO | 3 LINGVOJ | 2 LINGVOJ | I LINGVO |
|---|---|---|---|---|
| Francl. | 7 fr. 50 | 6 fr. | 4 fr. 50 | 3 fr. |
| Ekster Fr. | 9 fr. 50 | 7 fr. | 5 fr. 50 | 4 fr. |

LA REVUO. — Internacia monata literatura gazeto, kun konstanta kunlaborado de D-o ZAMENHOF. — Ĉe Hachette kaj Ko, Paris. — Jare, Francujo Fr. 6 : ceteraj landoj Fr. 7 fr.

LINGVO INTERNACIA, centra organo de la Esperantistoj, 48 paĝoj (13 × 20 cm.), nur en Esperanto. Literatura aldono, 16 paĝoj. Jara abono : 7 fr. 50 (3 sm.). Administracio Presa Esperantista Societo, 33, rue Lacépède, Paris.

ESPERO PACIFISTA, monata organo de la *Societo por la Paco*. — Abono, 5 fr. kun aliĝo al la Societo kaj ricevo de la aldonoj.

S-o Gaston Moch, 26, rue de Chartres, Neuilly-sur-Seine (Francujo).

TRA LA MONDO, tutmonda multilustrita revuo esperanta, — Nuntempaĵoj ; artoj, literaturo, scienco ; komerco ; industrio : militistaro, maristaro ; teatro, sportoj ; virina kaj gejunu'a paĝo ; felietono ; ludoj ; konkursoj kun valoraj monaj premioj. — Jare 8 fr.; kvaronjare 2 fr. 25. — Turnu vin 15, boulevard des Deux-Gares, Meudon (S.-et-M.), France, aŭ al la Direktoro de E. K.

Abono sen pluaj elspezoj en francaj poŝtoficejoj.

ANNALES APOSTOLIQUES DES PP. DU SAINT-ESPRIT (*Analoj Apostolaj de PP. de S-a Spirito*), 30, rue Lhomond, Paris. Jare 3 fr. 50, en Francl. 3 fr.